

# Boletín

Nº 364 januaro/februaro 2004

ÁLEX ANGULO · ROSANA PASTOR · PABLO GÓMEZ

el coche de pedales

Una Película de RAMÓN BAREA

Esperanto rolas en hispana filmo

Asociación de utilidad pública

FEDERACIÓN ESPAÑOLA DE ESPERANTO

HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

# Boletín

BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

**Aperanta de 1949**

Redaktisto: Miguel Gutiérrez Adúriz; Los Coteros 1-C, 2-I; ES-39600 Muriedas; Cantabria; bulteno@esperanto-es.net

*Noto: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas nur la respektivaj aŭtoroj.*

*La redaktisto rajtas libere rifuzi ne petitajn artikolojn.*

## Hispana Esperanto-Federacio

**Rodríguez San Pedro 13, 3°, 7;**
**ES-28015 Madrid;**
**Tel.+faksilo: +34.(9)1.446.80.79**
**Konto ĉe BBVA :**
**0182-1252-31-0204011961**
**Admin@esperanto-es.net**
**www.esperanto-es.net**

**Estraro**

**Prezidanto: Miguel A. Sancho.**
**Vicprezidanto: José M. Galofré.**
**Sekretario: Manuel Parra.**
**Kasisto: Pedro Garrote.**
**Vicsekretario: Marcos Cruz.**
**Voĉdonantoj: Luis Hernández, Augusto Casquero**
Miguel Gutiérrez.

## Enhavo






Jen la ...**respondo!**
**Kontribuu pere de:**
Iber-Caja
**2085-0101-13-0128624762**
La Caixa
**2100-2149-31-0100165085**

# Estraraj decidoj

La HEF-estraro kunsidis en la madrida sidejo la tagon 25an de januaro 2004 ekde la 10a horo ĝis la 14:30. Ĉeestis la estraranoj Miguel Ángel Sancho, Pedro Garrote, Luis Hernández, Marcos Cruz, Manuel Parra, Augusto Casquero, plus la kunlaborantoj Ana Manero, David Trigo kaj Toño del Barrio. Prezentis siajn ekskuzojn José María Galofré kaj Miguel Gutiérrez.

## Pritraktitaj aferoj:

1-La sekretario laŭtlegas la protokolon de la antaŭa kunsido (julio 2003), kaj oni ĝin aprobas. Pri la ĝisnuna plenumo de ties decidoj, la anarlisto baldaŭ publikiĝos; en rilato al la 6a punkto, neniu esploris.

2- Agadoj rilataj al la centjariĝo de la hispana E-movado. Surbaze de la agadplano aprobita julie, okazis pluraj kaj gravaj informadaj agadoj, malgraŭ tio, ke ne alvenis granda interna kunlaboro.

**Kontonumero de**

**HEF ĉe BBVA:**

**0182-1252-31-0204011961**

Profitante ankaŭ la ĵusan aperon de la Granda Vortaro, jam aŭguste oni sendis cirkuleran komunikon al diversaj kulturaj asocioj kaj fondaĵoj, kaj alian komunikon al amasinformiloj. Tio rezultigis du radiajn intervjuojn, unu naciskale kaj alia madridskale. Ĝuste la Zamenhof-tagon okazis en Guadalajara publika akto por prezenti la Grandan Vortaron, kun sekvataga raporto en tutnacia radiejo RNE. Planataj estas prelegoj en la urboj Toledo, Madrid, Soria kaj Valencia; eventuale en aliaj urboj se aperos la necesaj volontuloj.

Ni decidas, ke HEF finance subtenos ĉi agadojn per repago de vojaĝkostoj, disponigo de donacotajn librojn, ktp. ĝis maksimumo de 600 eŭroj.

La estraro aparte dankas kaj gratulas al Toño del Barrio pro sia granda entuziasmo kaj kapablo.

3- Finanza rezulto 2003 kaj buĝeto 2004. En kaso plus kontoj HEF havas nun 11339,56 EUR. Tamen, la preciza rezulto de la jaro 2003 ankoraŭ ne kalkuliĝis; laŭ la antaŭvido ŝajnas ke ne okazis deficito, sed ioma gajno. Ni studas la buĝeton por 2004; la kutima elspezo por Expolingua ne okazos ĉi-jare, do tiun sumon ni uzos por aliaj informaj agadoj.

4- Nova komputilo por la oficejo. El la pluraj komputiloj uzataj nun en la ejo,

la plej bona havas ses jarojn kaj prezentas teknikajn problemojn. La geedzoj Rafi Urueña kaj Luis Hernández donacos al HEF novan komputilon. Ni dankas ilin.

5- Ĉar la leĝo postulas prezenti al la ministrejo pri internaj aferoj la kontojn antaŭ la 1a de julio, jam aprobitajn far la ĝenerala kunsido, oni kunvokos eksterordinaran ĝeneralan kunsidon por la tago 15a de majo, sabato, en Madrido, kun tiu sola punkto. Temas pri necesa formalaĵo, kaj ĝi estos valida eĉ se partoprenos nur kelkaj membroj.

6- Ene de la daŭra plibonigado de la retpaĝaro, oni aranĝos tiel ke ĉiu grupo aliĝinta al HEF disponu propran spacon ene de ĝi. Ankaŭ ĉiu grupo ricevos retadreson kun finaĵo ...@esperanto-es.net. Pri tio zorgos Marcos kaj Sancho.

7- Venis propono, ke HEF vendu sian nunan ejon, lokitan en la centro de Madrido, por aĉeti alian samkostan sed pli grandan en kvartalo ne centra. Ni konstatas ke tiu eventuala operacio postulas zorgan kaj atentan esploron, kiun ni ekos.

8- La HEF-ano Jesús de las Heras disvolvadas la laboron enkomputiligi ĉiujn malnovajn numerojn de Boletín kaj metas ĝin en sian personan paĝaron. HEF proponos al Jesús ke li prizorgu novan fakon pri revuoj ene de la HEF-paĝaro, kiu enhavu i.a. tiun kolekton de Boletín.



La sekretario, Manolo Parra

9- Antaŭ la nova regularo pri la fiskaj aspektoj de la asocioj sen profitaj celoj, Luis Hernández kaj Pedro Garrote enketos kaj esploros la farendajn paŝojn por (re)ordigi la fiskan situacion de HEF.

10- Post la ĵurnala anonceto aperigita pasintaprile en "El Mundo" danke al malavara mecenato, nun li mem ofertas pagi tutpaĝan anoncon en iu granda hispana ĵurnalo. Marcos kaj Sancho okupiĝos pri la detaloj.

11- HEF apogas kaj instigas ĉiujn partopreni la manifestacion okazontan la 9an de majo en Strasburgo, por defendi la lingvan diversecon kaj egalecon en la Eŭropa Unio. Temas pri kampanjo nomata "Eŭropa Bunto", organizata de tre diversaj institucioj, ne ĉefe esperantistaj. Serĉatas kunordiganto de la kampanjo por Hispanio; dume kaj provizore tiel agas Augusto Casquero <augustocasquero@infonegocio.com>.

*La sekretario, Manolo Parra*

*La Prezidanto, Miguel Ángel Sancho*



# Esperanto en Localia TV

La 17an de januaro, sabate, je la 15a horo: la televid-kanalo "Localia" elsendis raporton pri esperanto. Plaĉa kaj spontana, senantaŭjuĝa. En tute ĉirkaŭ sep minutoj da elsendo, plus unuminuta enkonduko per prezento de la filmo "La pedalaŭto". Ĝuste per la sceno, kiam la ĉefrolulo parolas esperanton.

Marcos Cruz, sperta kaj intua por rilati al ĵurnalistoj, organizis la aferon kaj bone priskribis la ĝeneralaĵojn. Juan del Castillo rolis la instruiston. Aparte gratulindas lia viglcco kaj parolfluo. Intervenis ankaŭ lernintino, eble ne tre entuziasme, sed ĝuste tial pli findinde. Niaj eksterlandaj gastoj (Bruno Reis kaj Samuel Adebowale) donis verŝajnecon al tio, ke esperanto funkcias internacie. Bruno, denaske portugala, perfekte elturniĝis en la hispana; samkiel Samuel, el Niĝerio, kiu krome estis aparte dorlotita de la kamerao. Jorge Camacho prezentis la beletran flankon kaj laŭtlegis propran poemon, kies traduko tajpiĝis samtempe surekrane. José Rodríguez kaj Manolo Pancorbo donis ankoraŭ pli da homa varmo al la ĝenerala etoso, eĉ se nur momente montrataj dum la raporto.

Krom ili, havis gravan rolon ankaŭ Mazi. Jen kaj jen, bildoj de Tinĉjo kaj Aksteriks. Kaj por fini, du aŭ tri akordoj de Persone.

Certe spektinda raporto, de kiu la biblioteko de HEF konservas vidbendan kopion.

Ana Manero

* Informoj pri la videblo, agordeblo kaj informaj telefonnumeroj de ĉiu loka elsendejo de Localia TV troveblas ĉe: "www.inicia.es/de/tvlocales"

## Informado

Komence de decembro ekfunkciis la nova retadreso de HEF "prensa@esperanto-es.net", kies celo estas informi la gazetarojn pri novaĵoj ligitaj al Esperanto.

La unua informo anoncis la aperon de la disko de Akordo kun 25 kristnaskaj kantoj el la tuta mondo en Esperanto. Du el ili tradukitaj el la hispana ("¡Rin, rin!" kaj la venezuela "Alegres pregonan").

Reage al la dissendita informo venis peto de RNE (Hispana Nacia Radio) mendante du ekzemplerojn de la disko.

MZ

# HEF en konstruo

Dum 2003 ni konstruadis novan retpaĝaron kiu, laŭ la ricevataj opinioj, iĝis pli kaj pli utila por informi la publikon kaj montri niajn lingvon kaj kulturon.

Multo restas farenda. Multa materialo atendas prilaboron por enretigo. Krome, la utiligo de nia retpaĝaro por la anaro (ekzemple por administraj kaj sekretariaj taskoj) ankoraŭ ne povis eki.

De post nia lasta kongreso iĝis pli kaj pli klare, ke por akurate kaj bonkvalite nutradi kaj kreskigi nian retpaĝaron necesas aŭtomatigi la laboron. Tial dum la lastaj du monatoj ni provadas plurajn aŭtomatig-sistemojn kiuj ebligos al ni jenojn:

1) Labori grupe, ke pluraj homoj respondu pri fakoj kaj taskoj, kaj senpere enretigu.

2) Faciligi verkadon de nova materialo kaj aktualigadon de la jama, tiel ke ne necesu faka kono por kunlabori.

3) Kreskigi la retpaĝaron sen perdo de unueco aspekta kaj funkcia.

La ĝisnunaj aŭtomatigaj provoj estas tre esperigaj, kaj iom post iom dum la venontaj monatoj la fruktoj venos per regulaj plibonigoj (enhavaj, funkciaj kaj aspektaj).

Nun necesas krei keman laborgrupon pri la retpaĝaro kaj ĝenerale pri retaj rimedoj. Certe estas pluraj homoj inter ni kiuj pretas oferti iom da laboro kaj fakaj lertoj se nur la taskoj estas konkretaj kaj la teknikaj tieloj estas facilaj kaj klaraj.

Por efektivigo, ni kreis la novan retliston "hef-reto". Se vi volas kaj povas por nia retpaĝaro redakti, traduki, bildumi, tekstumi, programi aŭ dezajni (legu sube la detalojn), bv. aniĝi en la novan retliston per ajna retmesaĝo al la adreso <hef-reto-subscribe@yahoogroups.com>.

Tre pli simple, unufraze: "Ĉu vi volas kunkrei en 2004 la plej bonan retpaĝaron pri Esperanto por hispanlingvuloj?"

*Marcos Cruz*

Jen la diversaj bezonoj

Redakti: Priresponsi fakon, regulan taskon aŭ dokumenton; Idei, krei, serĉi, elekti aŭ verki materialon; Mendi tradukojn; Mendi aŭ serĉi bildojn.

Necesas kono, sperto aŭ aparta ŝato pri la koncerna fako; bonstilaj esperantlingva kaj hispanlingva niveloj.

Traduki: Traduki kaj adapti materialon inter la hispana kaj Esperanto, kaj el aliaj en Esperanton.

**WWW.esperanto-es.net**

Nepras bona regado de la koncernaj lingvoj, kaj sufiĉa regado pri tradukado.

Bildumi: Serĉi, pretigi, krei, modifi aŭ skani bildojn.

Nepras fakaj konoj pri bildomanipulado kaj teknikaj rimedoj.

Tekstumi: Teknike prilabori tekstojn; eltiri la puran kaj utiligeblan enxavon el ruboza dokumento; eltiri ordigitajn datumojn el senorda teksto; krei PDF-dokumenton el ajna dokumento; krei tekst-datumaran dosieron el HTML-paĝo; traduki tekstojn inter diversaj formatoj.

Helpos konoj pri GNU-linuksaj tekst-manipulaj programoj kiaj "vim", "emacs", "sed", "awk"... aŭ eĉ iom da programado.

Programi: kunprogrami la aŭtomatendajn partojn de la retpaĝaro; konsili por solvi eblajn programproblemojn; adapti programojn

Nepras konoj pri programlingvo PHP, kaj marklingvoj XHTML, CSS kaj XML.

Dezajni: dezajni retpaĝan aspekton; konsili kaj solvi pri dezajno; konsili kaj solvi pri alirebleco

Nepras konoj pri marklingvoj XHTML kaj CSS.

*Hispana Esperanto-Federacio*




Fundación Esperanto proponas siajn monhelpojn por la kuranta jaro.

En 2004, F.E. subvencios la grupojn kiuj organizos kursojn en hispanaj universitatoj dum la nuna jaro. La tuta helpo konsistos en 750 eŭroj, kiujn oni disdonos inter la grupoj plenumintaj la koncernan antaŭpeton (kiu devas esti farita antaŭ la 30a de novembro de 2004) kune kun atesto pri ĝia plenumo.

Cetere, la Fondaĵo daŭrigas sian kampanjon de distribuado de ekzempleroj de Gran Diccionario Español-Esperanto al publikaj bibliotekoj de urboj, en kiuj ne ekzistas organizita movado. Aliloke, en tiu ĉi Boletín, vi povas legi pri la jam farita agado en la urboj Gvadalaharo kaj Toledo. Dum venontaj monatoj oni distribuos ekzemplerojn kaj prezentos la verkon kaj la lingvon en aliaj anguloj de nia lando. Se iu el la legantoj deziras kontribui al la kampanjo, kaj ajne helpi en la projekto, tiu kunlaboro estos certe tre bonvena. Ne hezitu kontakti tiurilate kun la Fondaĵo aŭ kun la Centra Oficejo de HEF.

*Zaragozo, februaro 2004.*

*La Patronaro de Fundación Esperanto*



# Pri Grupoj, Asocioj kaj tiel plu



Esperanto volas flori en Jaén

## Andaluzio

* Ekde la 10a de februaro okazas baza E-kurso per la reto en Malago. La lernantoj kunvenas en la sidejo de Sindikato CGT ĉiun mardon por klarigado kaj perfektigado de la perreta lernado.

*Andrés Martín*

* En "Diario de Jaen" aperis artikolo, kun foto, pri Esperanto kaj interesaj informoj pri Jaena Esperanto-Asocio, liveritaj de s-ano Pablo Foche.

* La Socia Forumo de Sevilo havas partan version en Esperanto, kun kelkaj tradukaĵoj "www.forosocialsevilla.org"

*SATeH*

## Aragono

* Ankaŭ la retpaĝaro de CNT Teruel prezentas ligilon al la ret-paĝoj de Hispana E-Federacio "www.cnt.es/flsteruel/enlaces.html".

* Interesplena kaj bela esperanta retpaĝaro pri Aragono kaj pri la aragona pirenea montaro, viziteblas ĉe: http://esperanto-aragon-cinco-villas.iespana.es/esperanto-aragon-cinco-villas/index.html

Cetere, ekzistas mallonga ligilo por la ĉefa paĝo de "Esperanto-Aragón"; jen ĝi: "http://tinyurl.com/2awzm"

*Darío Rodríguez*

## Asturio

* La geesperantistoj de Asturio, laŭ sia tradicia kutimo festi la Zamenhofan Tagon alternante laŭjare la du urbojn, kie ekzista E-grupoj, kunvenis en Avilés la 14an de decembro. En la Kulturdomo de tiu urbo estis aranĝita ekspozicio de libroj en Esperanto, kaj okazis tie ankaŭ Prelego-Asembleo en kiu partoprenis la HEF-estrarano Miguel Gutiérrez Adúriz. Ĉi-tiu informis pri la agado de la Hispana Esperanto Federacio kaj ĉefe pri la







Tri bildoj pri la Z-Festo en Avilés

procezo de ellaborado de la laste eldonita Vortaro Hispana-Esperanta de F. Diego. La pluvanta vetero ne permesis efektivigi la sekvan programeron: disdoni en la publika parko de la urbo propagandon pri la Internacia Lingvo. Sed, jes ja, oni plenumis la simbolan agon meti flor-bukedon ĉe la ŝton-plato de la promenejo "Esperanto" en tiu parko. Fine, en agrabla etoso, kiel kutime, la geesperantistoj de Gijón kaj Avilés ĝuis bankedon en restoracio de tiu lasta urbo.

*Santiago Mulas / Cisimo*

* Aperis la 79a numero de Heleco, organo de Astura E-Asocio, kun 52 A-4-formataj densaj dulingvaj paĝoj. Ankaŭ aperis la 31a numero de Antaŭen, kaj pri tio informas loka ĵurnalo.

* Pri la festado de la Z-tago en Avilés amplekse informis, kun fotoj, asturaj ĵurnaloj, inter ili La Nueva España.

* En la bulteno de la filatelista kaj numismata grupo de Gijón aperis artikolo, kun informoj pri esperanto kaj ĝia rilato al filatelo, subskribita de s-ro J. Campderrós.

## Eŭskio / Vaskio

* La 12an de Decembro, Eduardo Larrouy kaj J. Miguel Garcia kunvenis kun responsulo pri kulturo de la bilbaoa Magistrato. Ni prezentis al li la provizoran programon de la EEU-kongreso kaj faris diversajn petojn laŭ tiu programo.

* La 20an de decembro okazis nova kunveno de vaskaj esperantistoj; ĉeestis 12 homoj (nur viroj) el la 3 vaskaj provincoj; post promenado tra la malnova kvartalo de Bilbao kaj komuna manĝo ĉe restoracio, ni havis la eblon paroladi dum longa postmanĝo.





Kovrilo de la lasta numero de Heleco, organo de Astura Esperanto-Asocio

* Samtage, 20an de decembro, ni celebris, en la Grupo de Bilbao, la tradician zamenhofan festotagon; kiel kutime, ne estis multe da ĉeestantoj, sed la etoso estis gaja kaj ni ĉiuj parolemaj ĉirkaŭ plenplena tablo de manĝaĵoj alportitaj de ni mem.

* Jam aliĝis pli ol 100 homoj al la kongreso. Rimarkinda estas la fakto, ke pli ol duono el ili estas eksterlandanoj, precipe el la diversaj landoj apartenantaj al E.U.

*J. Miguel Garcia Iturrioz*

Responde al flanka malestima diro pri Esperanto aperanta en "Diario Vasco", fulma klariga noto pri la internacia lingvo alvenis al la redaktejo de la ĵurnalo. Ĝi estis sendita el... israela kibuco! Kompreneble, la ĵurnalo publikigis ĝin. Ni gratulas la sendinton, s-anon Cvi Solt.

*Darío Rodríguez*




Prezento de GDEE en Kantabrio

## Kanariaj Insuloj

ESTO festis la Zamemhof-tagon la 14an de decembro en la Restoracio "Kasino de La Laguna". Laŭe al sia statuto la asocio havis du Kunsidojn (ordinaran kaj eksterordinaran).

*Francisko J.*

## Kantabrio

* La 12an de decembro okazis la tradicia librotago, omaĝe al Zamenhof, kun prelego en la sidejo de KantEA kaj posta frata vespermanĝo en restoracio.

* Artikolo pri la prezentado de GDEE (Gran Diccionario Español-Esperanto) en Guadalajara, fare de la Direktoro de Fundación Esperanto, Antonio del Barrio, aperis la 16an de decembro sur la paĝoj de "El Diario Montañés", plej vendata ĵurnalo de Kantabrio.

* La prezento de GDEE okazis en Santander la 24an de januaro. ĉeestis 27 personoj.



Membroj de KantEA en unu el la grotoj siatempe uzataj kiel preĝejoj



Grupo el membroj de KantEA en Orbaneja del Castillo (Burgos)

* La membroj de KantEA ekskursis al la sudo de Kantabrio kaj nordo de Burgos por viziti plurajn grotajn ermitojn.

## Kastilio-Leono

Noto pri la prezento de GDEE en Toledo aperis ankaŭ en la ĵurnalo El Norte de Castilla.

## Kastilio-Manĉo

* GDEE (Gran Diccionario Español-Esperanto) estis prezentita en Guadalajara la 15an de decembro. Okaze de la evento, la Direktoro de Fundación Esperanto, Antonio del Barrio, transdonis al la Publika Biblioteko de la urbo ekzempleron de la vortaro, laŭ la projekto lanĉita de la Fondaĵo, kiu celas provizi per GDEE la bibliotekojn de urboj, en kiuj ne ekzistas organizita movado. Ni memoru ke tio okazas danke al la apogo de anonima donacinto!

Ĉiuj amaskomunikiloj de la urbo ĉeestis la prezenton, kiu fariĝis vera gazetara konferenco. Reprezentantoj de la urbaj ĵurnaloj, radioj kaj lokaj kaj naciaj televidoj montris sian intereson fotante kaj filmante, ne nur la vortaron, sed ankaŭ kelkajn specimenajn librojn kaj revuojn.

Pluraj amaskomunikiloj ĉeestis kaj la prezento generis plurajn intervjuojn al s-ano Antonio del Barrio. Kiom ni scias, informis Cadena SER de Guadalajara, programo "La Ventanilla"; Cadena SER de Kastilo-La Mancho, programo "El Mirador"; Onda Cero Guadalajara, loka informprogramo. Radio Nacional de España en la tutnacia programo "Buenos días" de RNE-1, kaj en Radio-5, kaj ĉiuj ĵurnaloj, pli ol duonpaĝo en "Nueva Alcarria", kaj verŝajne pliaj radiostacioj. Cetere, la informagentejo COLPISA pe-





KAE festis la Zamenhof-tagon



ris la informon pri la apero de la vortaro al la hispana gazetaro.

* La 27an de januaro okazis en la Regiona Biblioteco de Toledo, situanta en Alcazar, simila publika prezentado de GDEE en tiu urbo, kun donaco de plia ekzemplero. Kvankam la partopreno de publiko estis minimuma, la resono ĉe radioj kaj ĵurnaloj estis kontentiga. Ekzemple, duonhora intervjuo al A. del Barrio en "Radio Santa María", kaj en la loka stacio de "Cadena Ser", kaj informo kun foto de la transdono de la Vortaro en "Diario de Toledo".

## Katalunio

* Ĉirkaŭ 40 gesamideanoj partoprenis en la Zamenhof-festo, okazinta en Castelldefels, aranĝita de Fervojista Grupo kaj loka s-ano Emilio Sanz. Prezentis kaj prologis s-ano Martí Guerrero i Cots. Luis Serrano prelegis pri "La paco". S-ro Salvador Aragaj elektis la temon "Kulturaj Societoj kaj Neutraleco". S-ano Juan José Crespo, kiu prizorgas E-programon en "Radio Bronka" montris la avantaĝojn de interreto. S-ano Ricard S. Güell, prezentis E-lingvan video-filmon pri la akvario de Barcelono. Poste ni promenis al Placo Esperanto por meti florbukedon, memore al nia bedaŭrata samideno Ramón Fernández Jurado, ĉe la monumento al Esperanto nomata "Aspiro". La festo daŭris en apuda restoracio.

* Aperis la januara-februara bulteno de KAE, redaktita de Santiago Tomé.

*"La Barcelona Forumo" estis la temo debatita en la januara babilado, okazinta ĉe "Grupo Auroro". Partopre-



Antonio del Barrio parolis pri niaj pioniroj en la madrida prezento



La Prezidanto de HEF ĉe la prezento en Ateneo de Madrid

nis 32 gesamideanoj. Plia babilado okazis la 15an de februaro en Castelldefels. La ĉeestantoj spektis la filmon "La Cirko" de Charles Chaplin, esperante adaptita de Ricard S. Güell, kaj poste debatis pri ĝia temo.

## Madrido

* La 24an de Januaro pli ol 20 e-istoj festis la Zamenhof-feston en la restoracio Hotel Puerta Toledo.

* La 31an de decembro forpasis Lucrecia San Antonio Nieto (93-jara). Konata poetino, en la hispana lingvo, ŝi partoprenis en la kreado de la E-koruso antaŭen, kaj en multaj hispanaj e-eventoj. Unu el siaj lastaj e-aktivaĵoj estis la gvidado de baza kurso en la HEF-oficejo. Ŝi ripozu trankvile.

* La 3an de februaro okazis en la fama "templo" de la intelektularo, "Ateneo de Madrid", la prezento de Gran Diccionario Español—Esperanto de Fernando de Diego. Post la prezento fare de la Prezidanto de HEF, Miguel Angel Sancho, prelegis hispanlingve Toño del Barrio pri la temo "100 jaroj de la esperantista movado en Hispanio", kaj sekve Miguel Gutiérrez Adúriz prezentis la vortaron, emfazante la gravajn problemojn kiujn oni devis solvi ĝis la apero de tiu impona verko. Ambaŭ prelegoj okazis kun projekcio de bildoj per komputilo.

La interveno de la tri partoprenantoj daŭris iom pli ol unu horo, sed ĝin sekvis unuhora viglega kolokvo kun interesplenaj kaj altnivelaj demandoj de la publiko.

La malbona flanko estis la novaĵo, ke la eldono preskaŭ plene elĉerpiĝis en rekorda tempo. Nova reviziita eldono nur eblos por la jaro 2007, sed eventuale povus okazi baldaŭa represo de la nuna Vortaro, se oni trovos financ-rimedojn.

*Darío Rodríguez*



La respondeculo de la eldonejo -mga- en la prezento de Madrido



Zamenhof-festo en Valencio

## Murcio

* La 3a Kongreso de HALE, okazinta de la 1a ĝis la 20a de decembro fariĝis la 1a virtuala E-kongreso. Ĝin partoprenis 99 homoj, kiuj vizitis la koncernajn ret-paĝojn. La kongresa temo estis: Kio estas progreso? Kaj la prelegoj: Kio estas Progreso?, de Juan Antonio Cabezos; "Liberpenso. Kia estas Kajeroj el la Sudo" de Jesuo de las Heras; "Strategiaj proponoj kaj fundamentoj ideologiaj por la Ekdekongresa HALE" de Jozefo Pina Tuells.

* La Festo de Zamemhof okazis la 14an de decembro en la Restoracio "Aires de Murcia".

*Jesuo de las Heras*



## Valencio

* Laŭ la tradicio, la geesperantistoj de la urbo Valencio festis la 144an datrevenon de la naskiĝo de D-ro Zamenhof en



Zamenhof-festo en Murcio

amikeca etoso sabate la 20an de decembro. La ĉeestantoj aŭskultis prelegon de S-ro Pascual Pont "La fina venko", kun aparta debato pri la temo Poste oni spektis video-filmon pri la koncerto de Georgo Handzlik en Kaliningrado, kaj fine, en bela restoracio, oni frandis tipajn valenciajn manĝojn.

* La Valencia-Murcia E-kongreso okazos en 2004 en Cheste, Valencia, la 29an kaj 30an de majo. Pri la evento oni daŭre trovos informojn ĉe: "www.info-

## Pri la HKP-festo

Mi konsentas kun la ĝenerala favora opinio pri la partopreno de SATeH en la festo de HKP (Hispana Komunista Partio). Estis multaj surprizaj kontaktoj. Cetere, elĉerpiĝis la tuta stoko de "Manifesto de la Komunista Partio" de Marx, vendiĝis 2 ekzempleroj de "Sanga Nupto", kaj la ĝenerala sinteno de la publiko, kiu aŭskultis kun intereso niajn informojn, estis pozitiva. Plej alloge efikis sur la publikon niaj babiloj en esperanto.

Krome jen kelkaj rimarkoj: Ni devas prezenti pli da eroj, kiel eble plej diversaj. Je la dispono de la publiko estu k-diskoj, T-ĉemizoj, porinfanaj diversaĵoj (furoris Asterisko kaj Tinĉjo, precipe ĉar alvenis personoj, kiuj intencis levi la intereson de siaj filoj por lernado de la lingvo!), diverstipaj simboloj (konstateblas emo al ili), trinkaĵoj (boteloj de ĉampanjo kaj vino, kun E-etikedo).

Ni havu muzikon en la budo, ĉar muziko plibonigas la etoson, kaj pli diversa stoketo de revuoj. Fine, ni pripensu ankaŭ la muntadon de modesta surstrata stablo aŭ budo, por esti pli proksimaj al la homoj, kiuj partoprenis la subĉielajn koncertojn. Ni kapablas.

*Pedro Sanz*



Aperis la libro "Memorias de un libertario" de Alfons Martorell

negocio.com/augustocasquero/cheste.htm"

*Augusto Casquero*

## Ĝenerale

* En "Diario de Noticias" de Navaro (04.01.16), oni raportas pri Monda Socia Forumo, okazinta en Bombay, kun indiko pri la partopreno de e-istoj.

*BKC (Brusela Komunikadcentro)*

* Ankaŭ aperis letero en la ĵurnalo "El Correo" de Bilbao, kun mencio al Esperanto, kaj longa artikolo pri la prezento de GDEE en "Nueva Alcarria" (03.12.19).

* Responde al misuzo de la nomo Esperanto en artikolo de Eduardo Verdú, aperinta en la ĵurnalo "El País", pluraj legantoj sendis plendleterojn. La ĵurnalo publikigis en sia suplemento "Madrid" (04.02.12), ĉe Opinio de la Leganto, du el ili: unu de José María Salguero kaj

alian de la panama e-isto loĝanta en Usono Roberto Pérez Franco.

* "Diari de Vilanova" (Vilanova i la Geltrù, 04.01.02) aperigis intervjuon al s-ano Joan Inglada i Roig (vicprezidanto de KEA).

* Kreskas la blogo de nia s-ano Manolo Pancorbo. Ĝi legeblas ĉe: "http://bitakoro.blogspot.com/"

* Ĵus aperis la libro "Memorias de un libertario - De la República al exilio", verkita de Alfons Martorell (patro de la gvidanto de la esperanta disko-eldonejo Vinilkosmo, Floreal Martorell). La libron eldonis Fundación Anselmo Lorenzo. Oni povas akiri la libron ce ajna librovendejo. Aŭ mendi ĝin rekte ĉe la Fondaĵo "fal@cnt.es". Plaĉan legadon!

* La filmo "La pedalaŭto" (El coche de Pedales) generis multajn informojn en ĉiuj landaj televidoj. Plej longa prezento estis la intervjuo la Alex Angulo kaj Ramon Barea ĉe la programo "Lo + plus" de Canal+. Unu el la komentarioj temis pri la apero de la lingvo esperanto en la filmo. La intervjuistoj kaj Alex Angulo menciis kelkajn frazojn en esperanto.

*Jose Maria Rodriguez*

* La 23an de februaro oni inaŭguris en la Valencia Publika Biblioteko ekspozicion de la grava desegnisto Manuel Monleón, plej konata pro siaj afiŝoj dum la intercivitana milito. En ĉiuj liaj biografioj oni substrekas lian intereson pri Esperanto.



Jen peceto el pago de la revuo "Quo", dedicita al lingvoj

* Informo pri SATEH, SAT kaj E-o aperis en unu el la ret-paĝoj de HKP (Hispana Komunista Partio), laŭ instigo de s-ano Pedro Hernández. Temas pri la paĝaro de madrida grupo de profesiuloj "www.profesionalespcm.org". Oni klaku sur la maldekstra flanko, kie aperas "Esperanto e Izquierda".

*M.Z.*

* En revuo "Quo" (n-ro 99, decembro 2003) aperas artikolo pri lingvoj, inter ili Esperanto.

* Manuel Pancorbo, komisiite de HEF, sendis informon al amaskomunikiloj pri la lasta disko de Akordo (legu pri ĝi en www.esperanto-es.net). La programo "No es un día cualquiera" de Radio Nacional, kies muzika kunlaboranto estas José María Íñigo, interesiĝis kaj petis du ekzemplerojn. Ĉar la disko prezentas kristnaskajn kantojn, ni devus profiti el tiu fakto por peti de RNE disaŭdigon de la disko en la venonta decembro. Certe Boletín memorigos siajn legantojn pri tio!

# Bonan tagon, sinjoro



"Ramón volis infanon ne altan, nek malaltan; ne dikan, nek maldikan; ne belan, ne malbelan. Kaj finfine li trovis min".

Tiel ekis la antaŭpremiero de la kinfilmo "La Pedalaŭto", per vortoj de la juna aktoro Pablo Gómez, kiu rolas "Pablitón", la infanon kiu deziras pedalaŭton. Poste parolis la ceteraj ĉefaktoroj, Álex Angulo, Rosana Pastor, María Pastor, sed ne la reĝisoro, Ramón Barea, ĉar li ludis tiumomente Donkihoton en Zaragozo. La pria kinajo estas lia dua filmo kaj, kiel sciate, en ĝi la lingvo esperanto vicrolas. HEF helpis siamomente la reĝisoran skipon per tradukado, konsiloj, prononcinstruo al aktoroj, ktp.

Tiu antaŭpremiero okazis la 14an de januaro en la kinejoj Verdi de Madrido. La programo komenciĝis preskaŭ tri horkvaronojn pli malfrue ol anoncite. Dume, invititoj amasiĝis ĉe la enirkoridoro; mi restis ekster la vico por kapti per fotilo la alvenon de la kinskipo aŭ ĝian pozadon antaŭ la profesiaj fotistoj; sed finfine la projekciejo malfermiĝis kaj ni ĉiuj devis atenti la ekon en la salono. Inter la spektontaro estis multaj homoj el kina, televida kaj verka mondo: mi rekonis aktoron José Coronado, kaj verkiston Lucía Etxeberría; ceestis certe pliaj.

La ludado de la filmo vekis intereson en la publiko kiu silente, respekteme, atentis la dramdisvolviĝon gis la fino, kiam eksplodis unuminuta aplaŭdo dum titoloj enekraniĝas. La lastaj titoloj montris la dankagnoskojn inter kiuj mi fiere vidis "Federación de Esperanto" (tiel!); post tiuj, pliaj aplaŭdoj komplezis la ĉeestantajn artistojn kaj tehnikistojn kiuj laboris en la kinaĵo.

Resume, la kinfilmo temas pri la revo de infano posedi belan pedalaŭton kiun li vidis en montrofenestro de bazaro. La infano devas tralukti la insidajn familiajn intrigojn por atingi sian celon. Kompreneble, analizendas la rolo de esperanto. La rolulo kiu pli ofte paroladas esperante estas "Don Pablo", ludata de Álex Angulo, patro de Pablito. Ankaŭ foje parolis liaj kunuloj en rezistogrupo kaj la patro de "Don Pablo", la "Abuelo" (Cesáreo Estébanez); la elparolata esperanto estas tre bona, krom erareto de "Abuelo" kiu eldiris "vivo estas la plej bonO majstro". La prononco estas la plej glata kiun mi aŭdis el papaguloj (kom-

prenu ja ke la aktoroj ne vere lernis esperanton; nur ĝian prononcadon); nenia rilato al fusaĵo "Incubus"! eĉ kelkaj, tiel nomataj "esperantistoj", ne kapablus prononci tiel bone! Tamen, el absoluta vidpunkto, la prononcon eksterlandano tuj eksentos tre hispaneca; ekzemple la frazo "antaŭ multaj jaroj estis unu reĝo" iĝis "antaŭ multaj ĝaroj estis unu rreĝo"; finfine, la elparolata lingvo rezultis pli ol komprenebla, ĉefe kiam eldirata de Álex Angulo.

Esperanto aperas ne nur parole. Ĝi dissprucetas ankaŭ skribe kaj simbole, per portreto de Zamenhof kaj amaseto da verdaj steloj. Estas iom ŝoke vidi kiel la reĝisoro, sen ia antaŭscio pri nia movado, redonis tiel trafe la esperantistan etoson. Plian poenton al la HEF-volontuloj!

La kialo kiu aperigas esperanton en la dramo estas ke "Don Pablo" estras plurfakan akademion en provinca ĉefurbo de la 50aj jaroj. Li instruas pri kalkultenado, stenografado, kaligrafio kaj —ek!— esperanto! "Don Pablo" estas bonhumora, optimisma kaj revulo —el familia tradicio car lia patro, "Abuelo", estas tia respublikano "rugula" revanta tutmondan harmonion kaj proletunuigon—. Li (plu) fidas je esperanto kiel komuna homarlingvo kaj strebas —iom naive— al depostenigo de Generalo Franco kaj restarigo de demokratio.

Ne estas veraj parolturnoj en esperanto, nur spontanaj frazoj meze de hispanlingva elparolo. "Bonan tagon, sinjoro" estas la unuaj vortoj de "Don Pablo" en





Premiero de la filmo en Madrido,

la filmo. Tiaj frazeroj estas aparte abundaj en la unua longduono. Ekstazas momento kiam, dum pli ol minuto, ĉio en la ekrano okazas esperantlingve: la diktado kiun "Don Pablo" laŭtas en sia akademio (temas pri "La Nuda Reĝo" de Andersson laŭ traduko de Zamenhof), dum videblas verdastelaj pingloj ĉe la jakoj de lernantoj kaj la eldirata teksto en fona skribtabulo.

Ĉio ĉi venas senpere: nenio antaŭavertas la spektantaron ke venos esperantaj alilingvaj vortoj; ne aperas hispanlingvaj subtitoloj, sed foje post esperanta frazo venas ekvivalenta hispana

frazo. Eĉ la vorto "esperanto" mem ne aŭdeblas nek videblas ĝis la dua triono de la filmolongo: tiam, ordinara spektanto konscias ke la galimatioj foje aŭditaj estas lingvo esperanto!

La sceno dum kiu elparoliĝas unuafoje la vorto "esperanto", estas kunmanĝado ĉe bofamilio. Tiun konsistas homoj apartenantaj al venkinta flanko de la interna hispana milito: simpatiantoj aŭ membroj de Falango, eklezia stabo, ktp. "Don Pablo" laŭdas la manĝojn en esperanto, kaj bofamiliano riproĉas lin plu subteni tiun lingvon "kiu ne havas estontecon"; la filino de "Don Pablo" argumentas ke si mem korespondas kun du rusinoj en tiu lingvo... tio estas al ni tre bone konata, cu ne?

Oni povus supraĵe pensi ke la kinaĵo misfamigas esperanton, ligante ĝin al flanko de revuloj, stranguloj kaj venkitoj. Sed finfine la venkitoj aperas kiel la "bonuloj" de la rakonto! Krome, "Don Pablo" montras ĉarman humanan karakteron kaj respekton al lingvoj propra —lin agacas ortografiaj eraroj— kaj fremdaj —li ĝentile klarigas la ĝustan prononcon de "Renault" al bofrato kiu rekomendis ke li forlasu esperanton favore al la franca!?; Tio sendube poentas pozitive al esperanto.

Mi varme rekomendas ĝian spektadon.

*Manuel Pancorbo*

## Memortabulo

Laŭ iniciato de la Provinca E-Filio en Sancti Spiritus, la 16an de novembro 2003 estis fiksita sur la muro de la domo numero 22, en la strato Plácido, memortabulo omaĝe al Julio Mangada Rosenor.

La loka skulptisto Félix Madrigal akceptis la taskon pretigi la memortabulon.

Kun ĉeesto de Yoandra Rodríguez Labrada (prezidantino de la Provinca E-Filio), Norberto Díaz Guevara, Norberto José Díaz, Francel Briel kaj kelkaj najbaroj, la memortabulo estis preta sur la muro, kaj tuj ĝi altiris la atenton de preterpasantoj, kiuj faris demandojn.

## Ĝustigo

En la interesa artikolo de José María Rodríguez "100 jaroj de organizita E-movado en Hispanio" (Boletín 363), mi konstatis ke sur la 4a paĝo oni mencias jenon: "HEF ankaŭ havis vojaĝeman estraron kaj sidejon, tiel ĝi sidejis en diversaj urboj kiel Valencio, Madrido, Valadolido, Bilbao,..."

La vero estas ke sidejoj de HEF situis laŭvice en: Valencio, Zaragoza, Madrid, Valladolid, Barcelona kaj de tiu lasta urbo ĝi venis al Madrido, kie ĝi nun situas. En Bilbao neniam estis sidejo de HEF.

*Luis Hernández Garcia*

# Ĉe la filmado

Augusto Casquero estis la homo komisiita helpi la aktorojn pri Esperanto ĉe la filmado de "El coche de pedales". Pri tiu lia sperto li diris:

"La aktoroj ege afablis kaj simpatiis al mi. Ili obee akceptis miajn rimarkojn kaj korektojn rilate al prononcado kaj intonacio. Ĉiam ili dankis, kaj multe demandis al mi pri Esperanto.

Ĉefrolulo, Alex Angulo, foje diris al mi ke li tre kontentas pro mia ĉeesto dum la filmado de la scenoj, ĉar, laŭ li, tio donas al li trankvilon kaj sekurecon. Li estis ege afabla kaj modesta homo. Ramón Barea, la reĝisoro de la filmo, ĉiam volonte akceptis mian intervenon por haltigi la filmadon, okaze de ajna erareto. Fakte, li mem rajtigis min, malgraŭ tio ke en kin-arto "tempo estas oro".

Oni ĉiam donis al mi plej bonan lokon por bone spekti ĉion, kaj eĉ por vidi la ripetadon de la fimita sceno ĉe aparato. Oni eĉ ĉiam invitis min trinki kafon, kaj tagmanĝi aŭ vespermanĝi...

La sinteno de la tuta skipo (amaso da aktoroj, teknikistoj, helpantoj, ktp) ĉiam estis tre favora kaj tre respektema al Esperanto, kiu, por ili, estis tre interesa eltrovaĵo. Longe mi parolis pri Esperanto kun la reĝisoro, la ĉefrolulo, kaj aliaj homoj, kiuj spontane demandis min dum la paŭzoj..."

*Svena Dun*



# Mi volas vortaron!

Gran Diccionario Español-Esperanto estas jam parto de nia historio. Ĝi naskiĝis granda, ĉar ni ĉiuj volis ĝin granda: Fernando de Diego, la skipo gvidata de Antonio Valén, la eldonisto kaj la hispanlingva E-komunumo, kiu longe sopiris al ĝi.

Hodiaŭ, kiam sur la bretoj de la eldojeno ne plu staras eĉ unu sola volumo de GDEE. Mi perceptas ĝin ankoraŭ pli granda.

Ĝi elĉerpiĝis. Nur deko da ekzempleroj kuŝas en skatolo por eventuala "grava" mendo.

Kaj mi ridetas, iom maliccete, sciante ke nur kelkaj feliĉuloj povos akiri ankoraŭ unu ekzempleron ĉe la diversaj Libroservoj (UEA, Luis Serrano, ktp) kaj E-Grupoj, kiuj, kun saĝa kriterio, akiris pli da volumoj ol "ŝajne" necesis.

Utopio sanas!

*Miguel Gutiérrez Adúriz*

# Premio Ada Sikorska Fighiera

La Organiza Komitato de la Internacia Esperanto-Semajno de la Kulturo kaj Turismo decidis starigi jaran Premion je la nomo de Ada Sikorska, destinitan al esperantisto aŭ esperantistino, kiu akiris gravajn meritojn en la laboro por Esperanto.

La Premio konsistos el medalo kaj diplomo, sur kiu, krom la nomo de la Internacia Esperanto-Semajno, aperos reliefa bildo de Ada Sikorska Fighiera kaj —dorse— la gravurita nomo de la premiito, dato kaj loko de la Semajno.

La Premio celas publike agnoski gravan kaj sindediĉan laboron por la bela ideo de esperantismo faritan de meritplena esperantisto aŭ esperantistino en kiu ajn loko de la mondo.

Donante al la Premio la nomon de la forpasinta kaj ĉie amata Ada Sikorska Fighiera, kiu ĝis sia morto konstante laboris por Esperanto (inter alie eldonante sinsekve en Bruselo, Madrido kaj Torino dum 34 jaroj la tiaman gazeton "Heroldo de Esperanto"), la Organiza Komisiono intencas stimuli la esperantistojn sekvi ŝian noblan ekzemplon je la servo de nia kara idealo.

La proponoj por la Premio devas esti alsenditaj de loka, nacia aŭ internacia Esperanto-Grupo, Klubo, Societo aŭ organizo, antaŭ la 1a de septembro 2004, al la prezidanto de la Premia Komisiono: G.C. Fighiera. Via Sandre 15. 10078 Venaria Reale (To). Fax (+Italio 226 30 78)

La Premia Komisiono konsistas el: Luis Serrano Pérez, Santiago Torné, Emilio Sanz kaj Salvador Aragaj.

12a Internacia Esperanto-Semajno
de la Kulturo kaj Turismo.
2-9 de Oktobro 2004, Salou
Informas: Luis Serrano Pérez
Apartat 423; Sabadell
Tel. (+34) 93 727 50 21
luis_serrano@mixmail.com
www.terra.es/personal5/lserrano2003

## Danke

Finfine kompletiĝis la Boletín-aro de la HEF-biblioteko! Dum longa tempo mankis du malfacile troveblaj numeroj (220 kaj 266), kiuj finfine alvenis al nia kolekto danke al la streboj kaj malavaro de KantEA. La kompleto estos post nelonge bindita.

*Ana Manero*




* Christer Kiselman, Vicprezidanto de la Akademio de Esperanto, anoncis la elekton, en 2004, de triono de la membroj de tiu sendependa lingva institucio.

Kandidato devas esti proponata de almenaŭ kvin akademianoj, kiuj reprezentu almenaŭ tri malsamajn naciajn lingvojn.

*MZ*

* Dafydd ap Fergus, kimra ĵurnalisto, estis proklamita Esperantisto de la Jaro 2003. La internacia ĵurio elektis lin pro lia tre aktiva informa laboro en la Brusela Komunikad-Centro.

*La Ondo*

* En decembro 2003 la ttt-ejo OLE, Originala Literaturo Esperanta, atingis amplekson de mil dokumentoj plus centoj da bildoj kaj centoj da ligoj al eksteraj dokumentoj. Interalie oni atingas per OLE 520 recenzojn pri originalaj verkoj. La retejon kun informoj pri originalaj verkoj kaj aŭtoroj oni trovas ĉe www.geocities.com/origlit/

*Sten Johansson*

* Argentina E-Vento, revuo de Argentina E-Ligo, Jaro 7 n-ro 15-16 Dec. 2003) legeblas en la reto:

www.esperanto.org.ar/revuo15.html

*Roberto Sartor*

* Nova serĉilo donas eblecon elekti inter multaj aliaj lingvoj ankaŭ esperanton. La adreso:

"www.entireweb.com/search"

*walkme (NUN)*

* Ĉi-jare la IJK, Internacia Junulara Kongreso, okazos en Rusio (10a—17a de julio), en pitoreska loko iom oriente de Moskvo. Detaloj kaj aliĝilo troveblas en la paĝaro "www.tejo.org/ijk/"

*Slavik*

* La projekto de eŭropa konstitucio iom post iom legeblas en Esperanto ĉe "http://eu-esperanto.inf.hu" kaj ĉe "http://eu.inf.hu".

*István Ertl*

* La 28a IJF okazos en Abetone (Toskanujo) de la 7a ĝis la 13a de aprilo 2004, kaj oni parolos (ĉiel) pri muziko! Aliĝu ĉe:

http://iej.esperanto.it/iej/ijf/2004/

*Nicola Ruggiero*

* La belga gazeto "La Dernière Heure" raportis ke dekkvino da junaj eksterlandaj kaj ne-akompanataj junuloj, kiuj estas viktimoj de homa trafiko, trovis se-



E-istoj salutas la Papon


Inaŭguro en Sainte-Savine

kretan protektejon en la centro ESPERANTO (duon-publika asocio).

*walkme*

* La retejo de Sveda E-Federacio registris ankaŭ en la pasinta jaro pli ol 1 milionon da vizitoj.

*Franko Luin*

* La saluto de la Papo Johano Paŭlo la 2a en Esperanto, okazinta la 25an de decembro, aŭskulteblas ĉe:
www.ikue.org/kristnasko/urbietorbi.htm

*Darío Rodríguez*

* La 1a Kongreso de Internacia Esperanto-Turismo okazos en Malbork (Pollando), 17a-21a de julio 2004.

*Augusto Casquero*

> "La forto de Esperanto estas la forto de la homoj, kiuj kuraĝe decidis lerni ĉi tiun lingvon kaj sentime interkomunikiĝas per ĝi"
>
> Jaroslaw Czubinski, ĝenerala konsulo de Pollando en Kaliningrado

* La Urbestro de Sainte-Savine, apud Troyes en Francio, kaj la Prezidantino de Esperanto 10 dankegas pro la gratuloj alvenitaj el la tuta mondo. La inaŭguro de la Trafikcirklo Zamenhof sukcese okazis la 18an de oktobro, kun gelernantoj de la apuda lernejo, kiuj kantis en Esperanto.

*J.J. Arnaud*

* La Akademio de Esperanto, kun financa subteno de la Sveda Akademio kaj en kunlaboro kun kelkaj profesoroj de Universitato de Gotenburgo, arangis la 2an kaj 3an de aŭgusto Simpozion pri Interkultura Kominikado en Gotenburgo, Svedujo.

* La Esperanta PEN-Centro ludis delikatan rolon en la PEN-mondkongreso, decidonta pri novaj aliĝoj. Pri unu el ili estis forta kontraŭstaro, fare de la Itala centro: temis pri la nova centro en la kosmopolita kaj landlima urbo Triesto. La E-delegito, Giorgio Silfer, estis petita prezenti la kandidaton kaj klarigi ĝian kulturan unikecon. Tion li faris kun suk-



Akordo publikigis sian duan k-diskon. Ĉi-foje kun kristnaskaj kantoj en Esperanto.

ceso, ĉar la Asembleo tuj akceptis per plimulto. En sia alparolo (france) d-ro Silfer menciis esperanton, apud la jida kaj la roŭma, por emfazi ke niaj centroj reprezentas literaturojn, kaj **ne naci-ŝtatojn**.

*Esperanta Civito*

* En novembro, la 1a Programo de la Pola Nacia Televido elsendis la 20-minutan filmon "Oblezenie Malborka" (La Sieĝo de Malbork), faritan de la mondkonata pola ĵurnalisto-esperantisto Roman Dobrzynski. En la filmo grave rolas Esperanton, kaj aperas intervjuoj al la esperantista Nobel-premiito Reinhard Selten (Germanio), al la Prezidanto de UEA Renato Corsetti (Italio), ktp.

*Augusto Casquero*





# William Auld

## Kandidato

Jam kvin jarojn sinsekve EVA (E-lingva Verkista Asocio) proponas nian grandan verkiston **William Auld** kiel **kandidaton** al Nobelpremio pri Literaturo.

Ĉi-jare lian kandidatigon subtenis leteroj de universitataj kaj altlernejaj profesoroj el Britio, Italio, Hinda Unio, Kroatio kaj Usono.

La Sveda Akademio decidos en oktobro la premioton el ducento da kandidatoj.

***S. Stimec***

### ATENTU!

En la "dua bulteno" de la kongreso enŝoviĝis eta eraro en la hotel-mendilon: la ret-adreso de la vojaĝagentejo devas esti: "comercial-bilbao@viajeseci.es". Ni pardonpetas pro la eventualaj kaŭzitaj ĝenoj.

*J. Miguel Garcia Iturrioz*

# Vicente Inglada Ors

## (Tra la paĝoj de la Historio)

*En tiu æi serio pri la historio de la hispana E-movado, kiu celas kunmemori ties 100jaran datrevenon, ni konsideras nun la biografion de unu el la plej elstaraj el niaj fruaj pioniroj, de kies naskiøo ni ¼us, la 9an de januaro æijaran, festis la 125an datrevenon.*

Malabundas la historiistoj. Malabundas tiuj homoj kiuj studas pasintajn tempojn kaj la profilojn de elstaraj personoj, kiuj per sia talento kaj laboremo kontribuis al la formiĝo de socioj pli progresemaj kaj justaj. Insiste, mi daŭrigos verkante pri la historio de Esperanto kaj ties pioniroj. Hodiaŭ mi verkos pri unu el tiuj homoj, kiu malgraŭ lia talento, laboremo kaj idealismo restas preskaŭ nekonata de la esperantistaro: Vicente Inglada Ors. Simile kiel hodiaŭ mi jam verkis pri Leonardo Torres Quevedo, Pedro Ramón y Cajal, Julio Mangada, Francisco Máñez, Emilio Herrera Linares kaj kelkaj aliaj, kaj baldaŭ mi ankaŭ tion faros pri aliaj elstaraj esperantistoj, tute ne konataj, kiel povas esti la astronomo Josep Pratdesaba (1870-1967), fakte tute nekonata en nia Movado.

Vicente Inglada Ors estis profesoro pri astronomio, geodezio kaj meteologio, geografia inĝeniero, sismologo, poligloto, staba oficiro, verkisto, studemulo pri tertremoj kaj aliaj fenomenoj de la naturo, akademiano de pluraj sciencaj institucioj, poeto kaj... esperantisto.

### Biografiaj notoj

Li naskiĝis en 1879, en Alicante, kaj esperantistiĝis en Madrido en 1899 okaze de Esperanto-kurso kaj pluraj prelegoj fare de la instruisto Ramón Andreu Bella en la Ateneo de Madrido.

Inglada studis en la Akademio de Infanterio en 1896, kaj en 1898 en la Supera Lernejo de la armeo por fariĝi staba oficiro. Destinita kiel tia ĉe la Kapitanejo de Barcelono, li ne hezitis organizi Esperanto-kurson en la kataluna ĉefurbo en 1902, kies rezulto estis la esperantistiĝo de kontentiga nombro da kleruloj kaj pluraj oficiroj kolegoj de Inglada. Inter ili ni menciu s-ron Alfonso Sabadell, kiu iom pli poste fondis la unuan Esperanto-Grupon en la kataluna ĉefurbo, kies unua prezidanto li estos elektita.

Post la gvidado de E-kursoj en Barcelono, Vicente Inglada komencis gigantan intelektan taskon, ne nur studante pri sismologio kaj fenomenoj de la naturo, sed ankaŭ en la kampo esperantista: en

1903 li atingis ke la firmo "Espasa" de Barcelono subskribu kun la firmo "Hachette et Cie" de Parizo kontrakton por publikigi la unuajn verkojn de la kolekto "Esperanto" aprobita de D-ro Zamenhof, kies unua volumo aperis en 1904. Unu jaron poste "J. Espasa e hijos, editores", publikigis ankaŭ gramatikon kaj vortaron de Inglada kunlabore kun la instruisto López Villanueva kaj poste "Manual y Ejercicios de la lengua internacional Esperanto", ankaŭ kunlabore kun López Villanueva, "Vocabulario Esperanto-Español" kaj "Español-Esperanto", kaj aliaj.

Kiel verkanto Inglada kunlaboris sur paĝoj de la tiutempaj literaturaj revuoj kaj verkis originalajn poemojn, rakontojn kaj teatraĵojn. Kaj kiam fondiĝis la "Hispana Societo por la propagando de Esperanto" (HSPPE), la 1an de februaro de 1903, kaj oni kunvokis beletran konkurson okaze de la 3a Centjariĝo de la verko "Don Quijote de la Mancha" de Cervantes, Inglada kun Bourlet kaj Law gajnis la unuan premion per la traduko de tri ĉapitroj de la tutmonda fama libro.

Ankaŭ en 1905 aperis en "La Revuo" verko originala de Inglada: "La Kristofiguro de la Lumo" (La figura del Cristo de la Luz), legendo kiu gajnis la duan premion de la Unua Literatura Konkurso de la Movado. En tiu ĉi jaro li partoprenis en la Unua Universala Kongreso de Esperanto okazinta en Boulogne sur Mer, kie li estis elektita membro de la Internacia Lingva Komitato.

Kiel militistprofesiulo Inglada estis translokigita de Barcelono al la Kapitanejo de Valencio, kie li tuj kunlaboris kun la loka E-Movado, speciale kiel redaktoro de la esperantista gazeto "La Suno Hispana". En 1907, kiam oni elektis novan estraron de la HSPPE, Vicente Inglada estis elektita vicprezidanto de tiu landa asocio. Kaj kiam fondiĝis Eldona Hispana Societo, kies celo estis eldoni nur verkojn en Esperanto, la unua anoncita estis "Edziĝo malarangita aŭ terura miskompreniĝo" de Vicente Inglada.

En 1909 okazis en Barcelono la 5a Universala E-Kongreso kun la partopreno de Dro Zamenhof, kaj Inglada estis elektita kiel membro de la beletra juĝantaro. Paralele li partoprenis en la Internaciaj Floraj Ludoj kaj gajnis la unuan premion de la beletra temo "Respondo al la malhelpisto de l' hezito". En tiu momento Inglada estis prezidanto de la Esperanto-Grupo de Valencio.

En 1910 okazis en Tarragono la Dua Kataluna E-Kongreso kaj en la Internacia Konkurso de la Floraj Ludoj estis aljuĝita la "Natura Floro" al s-ro Inglada, kiu majstre tradukis la konatan poemon

de Joan Maragall "La blinda bovino". La poemo estis recitata de li mem, kiu estis delire aplaŭdata.

Tri memorindaj prelegoj de Inglada.

Post la Universala E-Kongreso de Barcelono oni celebris en Valencio Postkongreson, en kiu partoprenis ankaŭ D-ro Zamenhof, kiu estis akceptita en tiu urbo kun la honoroj de reĝo.

La oficiala akcepto okazis en granda salono de la Internacia Ekspozicio okazinta en tiuj tagoj en Valencio. Ĉe la prezida tablo sidis D-ro Zamenhof kun la unuaj valenciaj aŭtoritatoj kaj la plej elstaraj esperantistoj de la tutmonda Movado. Samideanoj kaj tute ne esperantistaj personoj plenigis la teatron, tiamaniere, ke estis multaj kiuj nevole restis for. Post emocia koncerto, s-ro Inglada Ors, prezidanto de la Esperanto-Grupo de Valencio, leviĝis kaj faris belan paroladon, kiun premiis longedaŭra aplaŭdado tiel ke Inglada estis devigata starigi plurfoje emociplene, por korespondi kaj danki la ĉeestantaron.

Post la parolado de pluraj aŭtoritatuloj, estis d-ro Zamenhof kiu respondis al ĉiuj per dankemaj ĝentilaj paroloj, tradukitaj de Inglada por la ne-esperantistoj. La entuziasmo de la ĉeestantaro estis nepriskribebla!

La sekvanta tago, en la unika kunveno okazinta en la Postkongreso, paroladis pluraj el la plej elstaraj kunvenintoj, inter ili denove Inglada Ors, kiu, kiel prezidanto de la loka E-Grupo, dankis al la Urbestro de Valencio kaj al la prezidanto de la Internacia Ekspozicio pro ilia efektiva helpo por okazigi ĉi tiun Postkongreson. Ankaŭ li dankis al d-ro Zamenhof kaj al la eksterlandaj geesperantistoj pro ilia partopreno, kiu fakte ebligis la celebradon de ĉi tiuj festotagoj, kaj honore al ili li komponis kanteton: "Al la esperantistoj venintaj en Valencion". Finita la sesio, d-ro Zamenhof aliris ĝis Inglada kaj gratulis lin pro la bela parolado, kaj aldonis tiun historian frazon: "Mi kreis la lingvon Esperanto por ke la homoj de la tuta mondo interkompreniĝu kaj... por ke vi ĝin parolu tiel bele!". Ĉar vere, estis vera plezuro aŭdi Inglada paroli la internacian lingvon.

La dua memorinda prelego de Inglada okazis en la Konferencoj de Parizo por la aplikado de Esperanto en la Sciencoj kaj Komerco, de la 14a ĝis la 17a de majo de 1925, en la Sorbono de Parizo, en la belega amfiteatro de tiu Universitato: la hispana registaro elektis, kiel oficialaj delegitoj de Hispanio, al la sciencisto Leonardo Torres Quevedo, al la Direktoro de la Observatorio de Toledo Vicente Inglada Ors kaj al la sciencista aviadinĝeniero Emilio Herrera Linares, ili tri esperantistoj.

La 15an de majo oni elektis la prezidantaron de la Konferencoj, inter ili Inglada kiel unu el la kvar Vicprezidantoj. Krome, Inglada prononcis memorindan prelegon en Esperanto: li dankis la ĉeeston de tiom da kleraj homoj kaj rakontis la historion de Esperanto en Hispanio kaj ĝenerale en Eŭropo, analizis la praktikajn malhelpojn ekzistantajn en tiu momento kaj la eventualajn solvojn, skizante la universalan terminologion esperantistan kaj finis la paroladon per lirika kanto al la kunfratiĝo de la homoj kaj popoloj kiel plej alta idealo de la esperantismo, recitante parte el la esperantista himno.

Tondra aplaŭdado resonis en la salono honore al la idealismo de la elokventa oratoro.

La tria historia parolado de Inglada okazis en Prago, de la 3a ĝis la 10a de septembro de 1927, en la Asambleo de la Internacia Unio pri Geodezio kaj Geofiziko. Inglada ĉeestis kiel oficiala delegito de la Sekcio pri Sismologio, kiun prezidis s-ro Turner, kiu indikis kiel modela sistemo por la studo de vulkanaj erupcioj per sismoj, jam prezentita de alia kongresano. Inglada petis la parolon kaj analizis tri konstateblajn erarojn, kiujn li detale klarigis unu post alia laŭ la scienco kaj siaj propraj esploroj. La eksplikado estis tiel brila kaj konvinkiga, ke la ĉeestantaro restis tute impresita pro la splendida rezonado de la klera hispano. La aplaŭdado estis longa kaj unuanima.




Cetere, Inglada partoprenis ne nur en esperantistaj kongresoj kaj en tiu supre indikita, sed ankaŭ en multaj prisciencaj kaj en ĉiuj ili atentinde elstaris. En 1930, en la 4a Asambleo de la Internacia Unio de Geodezio kaj Geofiziko, unuanime oni aprobis proponon de Inglada per kiu oni rekomendis al ĉiuj registaroj de la mondo detalajn studojn de la supraj tavoloj celante kontribui al la sekureco kontraŭsisma de la novaj konstruaĵoj, post tertremo.

## Verkoj

Inglada publikigis multenombrajn prisciencajn artikolojn kaj librojn, origi-

nale kaj tradukitajn, ja li regis plurajn idiomojn krom Esperanton: la germanan, francan, kaj anglan, kiujn li studis en la Militista Akademio, pli malfrue la italan kaj luzan kaj fine aŭtodidakte la latinan. La germana estis la lingvo, kiun li pli bone regis, kaj germanlingve estas la versio de lia traduko al la hispana de la Konferencoj pri Sismometrio de princo Boris Galitzin, la plej elstara sismometrologo de la mondo.

Ni povas ankoraŭ aldoni al la supraj konsideroj, ke en la jaro 1931, la revuo de la Akademio pri Sciencoj Ekzaktaj, Fizikaj kaj Naturaj publikigis la majstran studon de F. Cantera Burgos titolitan "Notoj por la Historio de la Astronomio de la mezepoka Hispanio" de la salamanka judo Zakut, en kiu aperas centoj da citoj en la hebrea lingvo. Inglada ne hezitis, li akiris bonan hebrean gramatikon kaj aŭtodidakte lernis ĝin, ja la temo entuziasmis lin. Kaj la samon li faris kun la klasika greka lingvo, kiu taŭgis al li por la lego de la originala teksto de la libro "Pri la Meteoroj" de Aristotelo, kies 7a kaj 8a ĉapitroj traktas pri la sismoj.

Rilate al la alportoj de Inglada al la Sismologio, lia biografo Rodríguez de la Torre indikas plurajn formulojn, elmontrojn kaj metodologiojn akceptatajn de la plej elstaraj sismologoj de la mondo, inter ili li elstarigas la kalkulon de la hipocentro ĉe proksimaj sismoj.

Krom la verkoj originalaj kaj tradukitaj jam menciitaj, Inglada tradukis multajn teatroverkojn al Esperanto: li ricevis la koncernan permeson de la aŭtoro por traduki ĉiujn verkojn de la Nobelpremiito Jacinto Benavente, preskaŭ ĉiuj publikigitaj. Inter ili: "La maleleganteco" (Lo cursi), "La manĝaĵo de la sovaĝbestoj" (La comida de las fieras), "La malbonfarantoj de la Bono" (Los malhechores del Bien), "La servanto de Don Juan" (El criado de Don Juan) kaj "La kreitaj profitoj" (Los intereses creados).

Inglada ankaŭ tradukis verkojn de aliaj verkistoj, kiel Ramón de Campoamor, Ganivet, Moratín, kaj Santiago Rusiñol.

La intercivitana hispana milito signifis preskaŭ la vivofinon de Inglada. Enfermita tage kaj nokte en sia hejmo li ekstreme maldikiĝis: iom pli ol 30 kilo-

## Nova libro

En la 68a Hispana E-Kongreso, okazis la prezento de la nova verko en Esperanto de Antonio Ruiz Negre "Intrigo-teatro", kiu konsistas el tri teatraĵoj: "Amara dolĉaĵo", "Cis la limo" kaj "Pri la koro". Ĝin esperantigis Julio Tarín kaj Santiago Miquel. La libron eldonis Grupo E-o de Valencia, kaj eblas ĝin mendi ĉe la retadreso: "augustocasquero@hotmail.com". La prezo kun sendokosto: 8 eŭroj.

Pliaj informoj en venonta n-ro de Boletín.

pramoj por homo 1,74 m. alta. La militofino ebligis lian revivigon.

En 1939 li estis elektita ĉefo de la Nacia Sismologia Servo kaj denove studadis tiel fervore kiel en pasintaj tempoj por aktualigi siajn sciojn, kaj unu jaro pli poste li estis elektita membro de la Patronaro "Juan de la Cierva" pri teknika esplorado, kaj nur kelkajn monatojn poste Vicrektoro de la Nacia Geofizika Instituto. Li intense laboradis, kiel kutime, sed iom post iom, sendube pro la aĝo, li komencis perdi la vidkapablon, kio ne lasis lin legi kaj skribi, pro tio li ne povis fini tre gravan verkon kiun li estis preparinta, temis pri kompleta vortaro, tiel ampleksa ke ĝi bezonus kelkajn volumojn, sendube jam tre bezonata de la hispana esperantistaro.

La jaroj ne vane forflugis, kaj en 1949, post longa malsano, preskaŭ blinda, li forpasis en Madrido.

Li ne ricevis la honorojn kiujn li bone meritis. Li estis enterigita en la tombejo de La Almudena de Madrido kaj la ĵurnalaro apenaŭ menciis la perdon de tiu grava sciencista homo. En tiu lasta ceremonio nur akompanis lin generalo Moscardó (lia kolego en la militista Akademio), kelkaj amikoj, kolegoj kaj aŭtoritatoj ne elstaraj.

Ĝis tiu momento li estis membro de la Lingva Akademio de Esperanto; akademiano de Ekzaktaj Sciencoj; membro de la Akademio de Sciencoj, Beletro kaj Artoj de Kordovo kaj Barcelono; direktoro de la Observatorio de Toledo; membro de la Societa Sismológica italiana; membro de la Nacia Komitato de Geodezio kaj Geofiziko k.a. Li estis kolonelo, kavaliro de la Reĝa Ordeno de Carlos la 3a; komendatoro de la Civila ordeno de Alfonso la 12a; subdirektoro de la revuo "Revista de Geofísica", ricevis tri krucojn al la militista merito ktp.

Malfacile oni povas trovi homon pli talentan kaj studeman!

*Antonio Marco Botella*

Resumo de eseo memore al la 125a datreveno de la naskiĝo de Vicente Inglada. La tutan tekston oni povas legi en http://personal.telefonica.terra.es/web/tdb/ingladauni.htm

## Gazetoteko Lanti

Gazetoteko Lanti estas brila iniciato de s-ano Jesuo de las Heras. Nun ĝi proponas jam tri fakojn. En la unua estas ĉiuj aperintaj numeroj de la bulteno "Kajeroj el la Sudo", en la tria sidas ĉiuj numeroj de la bulteno de MEL, "Nia Voĉo", kaj en la dua ĝis nun aperis preskaŭ la duono de la numeroj de "Boletín" de HEF.

Miloj da vizitoj jam okazis. Sed pri tio parolos al ni la iniciatinto en la venonta numero de Boletín. Dume, atentu ke vi povas senpage akiri la elektronikan version de la koncernaj revuoj ĉe: "www.gazetoteko.com" aŭ "http://213.172.47.3/gazetoteko/"

# Kie loĝi dum la Kongreso?

## Ĝeneralaj kondiĉoj

La organizantoj peros loĝadon nur inter la 24a kaj 30 de aŭgusto. Ekster tiuj datoj la LKK klopodos helpi, sed ne povas garantii la sukceson de sia perado.

Ĉambron en "Hoteloj" rezervu ĉiu kongresano mem pere de la vojaĝagentejo "Viajes El Corte Inglés". Matenmanĝo estas inkluzivita en ĉiuj el ili. La LKK tute ne okupiĝas pri rezervo de ĉambroj en hoteloj.

La ceteraj loĝejoj estas rezervitaj je la nomo de la kongreso, tial la rezervojn oni traktu kun la LKK, sendante la koncernan mendilon, sed nur post la plenumo de la pago, al la konstanta adreso de la LKK.

En Bilbao tre malfacilas trovi malmultekostajn restadejojn. Rezervu do vian lokon kiel eble plej frue!

Ĉiuj prezoj estas en eŭroj.

## Universitata Restadejo (kaj Kongresejo)

Colegio Mayor Deusto. Camino Ugasko, 7. 48014-Bilbao. 100 1-litaj ĉambroj. Luksa universitata restadejo, kie okazos ĉiuj programeroj de la Kongreso escepte de la malfermo. Centra, trankvila loko kun senpaga parkejo kaj belaj vidaĵoj. Varme rekomendata.

Prezoj: (eniro: 24 aŭg. (nur dormi); eliro: 30 aŭg.(nur matenmanĝo); 29 aŭg. nur matenmanĝo, pro la tuttaga ekskurso). La indikitaj prezoj estas por unu tago kaj por 6 noktoj.

1-lita ĉambro kun matenmanĝo: 38 - 215 (Kun unu manĝo: 41 - 230; kun du manĝoj 45 - 245).

Ĉiu ĉambro havas banejon, necesejon, konektilon al Interreto. Dum la semajno ne deĵoros ĉiuj laboristoj, do ĉiu gasto devos memzorgi pri la ordigado de siaj lito kaj ĉambro. Limdato por sendi la monon kaj la mendilon al L.K.K.: 15/04/2004

## Hoteloj

La prezoj estas por unulita ĉambro unue kaj poste por dulita ĉambro.

* NH Villa de Bilbao (4-stela) 96,85 eŭroj - 109,44 eŭroj; Gran Vía, 87. 48011-Bilbao. 25 min. piede de la kongresejo. Fine de "Gran Vía" de Bilbao. Proksime de la kongresejo "Euskalduna" kaj de la Muzeo Guggenheim. Metrostacio: "San Mamés".

* Husa Jardines (4-stela) 87,80 eŭroj - 98,50 eŭroj; San Vicente, 6. 48001-Bilbao. Urbocentro, ĉe placo "Jardines de Albia". 30 min. piede de la kongresejo. Metrostacio: "Abando".

* Ercilla (4-stela) 63 eŭroj - 89,90 eŭroj; Ercilla, 37-39. 48011-Bilbao. Kvartalo "Indautxu". 40 min. piede de la kongresejo. Metrostacio: "Indautxu".

* Indautxu (4-stela) 72,95 eŭroj - 85,15 eŭroj; Plaza Bombero Etxaniz, s/n. 48010-Bilbao. Kvartalo "Indautxu". 45 min. piede de la kongresejo. Metrostacio: "Indautxu".

* Petit Palace Arana (3-stela) 85,60 eŭroj - 85,60 eŭroj; Bidebarrieta, 2. 48005-Bilbao. Kontraŭ la teatrejo "Arriaga". 45 min. piede de la kongresejo. Metrostacio: "Casco Viejo".

* Abba Parque (3-stela) 74,90 eŭroj - 85,60 eŭroj; Rodríguez Arias, 66. 48013-Bilbao. Proksime de la plej granda parko de Bilbao. 35 min. piede de la kongresejo. Metrostacio: "Moyua".

* NH Deusto (3-stela) 82 eŭroj - 75 eŭroj; Francisco Macià, 9. 48014-Bilbao. Proksime de la kongresejo. Metrostacio: "Deusto".

(Prezoj po ĉambro kaj nokto kun matenmanĝo kaj ĉiuj impostoj)

Limdato por sendi la mendilon al Viajes El Corte Inglés: 31/05/2004

## Junulargastejoj

Junulargastejo "Albergue Bilbao Aterpetxea"; Carretera Basurto; Castrexana, 70. 48002-Bilbao; http://albergue.bilbao.net

Ni rezervis 122 litojn. La prezoj estas por unu tago kaj por 6 noktoj kaj inkluzivas matenmanĝon.

(14) 2-litaj ĉambroj1 . . . . . . . . . 8 - 102



Moderna, eĉ luksa, la Universitata Restadejo estas la plej bona elekto por loĝado dum la kongreso, sed... estas nur 100 ĉambroj!

(4) 3-litaj ĉambroj . . . . . . . . . . . 17 - 96

(14) 4-litaj ĉambroj . . . . . . . . . . 16 - 90

(4) 6-litaj ĉambroj . . . . . . . . . . . 14 - 81

Moderna, tre bone ekipita. Komunaj necesejoj en la koridoro. Ĝi situas ĉirkaŭ 45 min. for de la kongresejo. Bushaltejo ĉe la elirejo. Buso veturas al urbocentro. De tie, per metroo aŭ alia buso, al kongresejo. Senpaga parkejo. Limdato por sendi la monon kaj la mendilon al L.K.K.: 15/04/2004

Kampara junulargastejo en naturparko "Akarlanda" (Monto Umbe). Carretera Bilbao-Loiu-Universitato. Kampara domo situanta ĉirkaŭ 10 km. De la kongresejo. Ne estas publikaj transportiloj, do aŭtomobilo bezonata. Kongresejo facile atingebla post 15 min. veturado per aŭtomobilo tra komforta kaj moderna ŝoseo. Loko por 32 homoj. Prezo: 8 eŭroj/nokte. Limdato por sendi la monon kaj la mendilon al L.K.K.: 15/04/2004

# Aniĝilo por 2004

(Foto)kopiu kaj poŝtu aŭ faksu al la HEF-oficejo. Bv. skribi klare.

**Personaj datenoj :**

Kompleta nomo : . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Annumero: . . . . . . . . . . .
Adreso : . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Poŝtkodo kaj urbo : . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Tel. : . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Naskiĝdato : . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Retadreso: . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

**Aniĝo :**

- ❑ OM ordinara membro. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 29,00 €
- ❑ kun junulkarto . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 26,10 €
- ❑ PM patrona membro . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 58,00 €
- ❑ KM kolektiva membro . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 58,00 €
- ❑ EM (nur por jamaj EM-anoj 1995e) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 24,00 €

Ĉiu ano ricevas *Boletín*; infanoj ĝis 12 jaroj *Juna Amiko*; junuloj inter 13 kaj 30 jaroj, *Kontakto*.
Kaj ĉiuj, ĝenerale, 10% rabaton en la aktivaĵoj organizitaj de Hispana Esperanto-Federacio.

**Pagmaniero :**

- ❑ Bankordone (plenigu la malsupran formularon).
- ❑ Enspezo en konton 0182-1252-31-0204011961 de BBVA (kunsendu spezilon).
- ❑ Ĉeko por "Federación Española de Esperanto" (aldonu 3 EUR).
- ❑ Elspezo en la konton hefb-m de U.E.A. (kunsendu ĝirilkopion).

Subskribo: Dato:

**DOMICILIACIÓN BANCARIA**

Banco o caja:
Dirección:
Código postal y localidad:
C.C.C.: _ _ _ _ / _ _ _ _ / _ _ / _ _ _ _ _ _ _ _ _ _
Entidad Sucursal D.C Cuenta

Muy señores míos:

Les ruego atiendan con cargo a la cuenta arriba indicada los recibos que les sean presentados por la Federación Española de Esperanto en concepto de cuota anual, hasta nueva orden.

Fecha:
Nombre y firma del titular:




## 63a Hispana Esperanto-Kongreso

## kaj 6a Eŭrop-Unia E-Kongreso

Bilbao

25a ĝis 29a de aŭgusto 2004

Facultad de Ciencias Económicas
Avda Lehendakari Agirre

ALIĜILO N-RO......
(BONVOLU SKRIBI TAJPE AŬ PRESLITERE)

Familiaj nomoj ....................................................
Antaŭnomo: ....................................................
Naskiĝdato (1) .......................... HEF-numero ..............
Adreso. ....................................................
....................................... Poŝtkodo ..............
Urbo. ....................................... Telefono ..............
Retadreso ....................................... Faksilo ..............
(2) Nur por statistiko

| Kongreskotizoj | ĝis 03-12-31 | ĝis 04-04-30 | poste |
|---|---|---|---|
| Individua Kongresano (IK) | 50 € | 60 € | 70 € |
| Kunulo / Junulo(2) | 35 € | 40 € | 45 % |
| Infano (naskiĝinta post 1990/12/31) | 0 € | 0 € | 0 € |

(2) Kunulo devas loĝi kun IK, kaj Junulo estas tiu naskiĝinta post 1974-12-31.
Donaco .................................................... ___
ENTUTE: ....................................................

Kotizu pere de ŝparkaso Bilbao Bizkaia Kutxa (BBK).
konto-numero: 2095-0141-45-2218001832 al la 63a Hispana E-Kongreso.
Kunsendu la pagpruvilon kaj la aliĝilon al la suba adreso.
**Por bankĉekoj kaj poŝtmandatoj aldonu 10%**
LA KOTIZO ESTAS NE REPAGEBLA.

Dato kaj subskribo ....................................................

Konstanta adreso: Grupo Esperantista (H K); Barrencalle Barrena, 7-1 D; 48005 Bilbao; Tel: 944164492; 696613958; esperantobilbao@terra.com

Depósito legal Z-334-90. Presejo: Gráficas Aurora